# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

14-a jaro (Numero 2) 1935
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)


## Al la celo

Unu el la programoj de nia asocio, kaj certe ne la malplej grava, estas la celado por la enkonduko de Esperanto en la lernejon.

Tia celado tute ne estas ia privilegio de TAGE; feliĉe ne! Multaj aliaj asocioj agas samdirekte. Sed mi opinias, ke en nia rondo tiu parto de la ĝenerala propagando okazas pli konscie; almenaŭ mi diru: *devas* okazi pli konscie. Finfine la propagando, *ĉia* propagando por la disvolviĝo de nia lingva movado, devas trafi la instruistaron, ĉar ĝi estas la senpera influanto de la juna generacio. Kaj tiuj junaj mondanoj devas plenkreski, kutimiĝante al la uzado de helplingvo. Se tio ne okazos, tiam restos nia »idealo« ĉiama ĥimero; ĉiama »bela sonĝo«, kiu neniam »por eterna ben' efektiviĝos«.

Mi prezentas al mi la aferon jene:

La periodo de la ĝenerala propagando okupis (kaj okupas) sin per diskonigo de Esperanto en vastaj, plej diversaj rondoj. Tiumaniere ni povis (kaj povas) atingi konsiderindajn sukcesojn, kiuj tamen neniam superos iun limon. Multegaj koniĝis kun Esperanto, multaj lernis ĝin, kelkaj restis fidelaj al ĝi sed rilative nur malmultaj fariĝis esperantistoj. Tiu nombro pli kaj pli povos kreski, sed iam ĝi atingos, kaj eĉ konsterne rapide, sian plej altan nivelon. Tiam eĉ la plej intensa propagando pere de la plej fervoraj batalantoj ne povos plialtigi konsiderinde tiun plej altan nombron. Tiuj nombroj diferencu ie kaj tie laŭ lokaj aŭ landaj postuloj kaj influoj, ĝi nur plialtiĝos ĝis iu grado. Kaj poste, ĉiu altiĝo nur estos ŝajna, nur ia malkonstanta ŝanĝiĝo, ia malekvilibra balanciĝo.

La ĝenerala propagando — nur povas servi kiel preparanto por pli speciala propagando; ia dua periodo kiu nepre devas sekvi. Kaj mi opinias, ke tiu jam komencas aperi en kelkaj landoj. Tie oni laŭiras diversajn vojojn, kiuj tamen paralele kondukos al la sama celo. Oni agadas en specialaj rondoj; politikaj, religiaj kaj fakaj. Bonege, kiam

la celo nur estas komuna: per la instruistaro al la lernejo.

Antaŭ ol atingi la instruejon, oni ne forgesu la antaŭlastan etapon, kiun ĉiuj specialaj propagandistoj laŭ sia propra vojo nepre devas trapasi: gajni la instruistaron. Ĉu pere de magistrataj ordonoj aŭ ĉu pere de libera volo de la instruistoj mem, nur per tiu lasta pordo ni povos eniri la celon de nia dumjara strečado: la vastan halon de la tutmonda lernejo.

Ĉiu propagando, kiu klare konscias pri tiu celo, estas bona; kaj certe tiu, kiu sin direktos senpere al la loganta celo. Ĝi povas jam iom prepari la vojon tienan, tiel ke poste multaj povos facile laŭiri.

Tian laboron faras TAGE, volonte kaj harmonie kun ĉiaj bonvolaj helpantoj. Per tiu komuna laboro ni volas proksimigi la tempon, ke ni povos transdoni la rikolton al la junaj gvidontoj. Ni nur semis por ke ili povu semi. La junuloj estu nia celo. Ni direktu nian propagandan agadon

AL TIUJ, KIUJ NUN ESTAS JUNAJ[1])

de S-ino. *E. Knuttel-Fabius*

Silento, mallumo ekregos ĉe ni;
En klara la lumo vi restas.
Kaj inter ni, ondas la vasta kampar'
Kun greno; tre densa ĝi estas.

Ĝi kreskis el eroj, semitaj de ni;
Rikolton por vi, ni preparis.
Ho, venu, havigu la frukton al vi,
Falĉilu; por vi ni ja faris!

Jes, venu; superu la fortojn de ni,
Vi, junaj, laboru laŭpove.
Kolektu la grenon, garbigu ĝin tuj
Kaj poste vi semu denove!

Estonton pli belan vi kreu por vi,
Kun ĝojo kaj forto kaj bono.
Per junaj la manoj dissemu nun vi:
Plej granda fariĝos la dono.

La mondo sopiras ĝermigon de vi
Deziras alporti nur benon.
Kuraĝe vi kantu per laŭtsona voĉ'
Pri vivo kaj ĝojo la himnon.

[1]) laŭ la nederlandlingva: »Tot die nu jong zijn.«

Kaj kio ne povis prosperi al ni,
Ho, volu ĝin provi denove!
Kiale ni haltas en nia labor'?
Aŭskulte ni staras senmove?

Aŭskultas ni ofte ĉu paŝoj de vi
Ne longe, tro longe forrestas.
Ho, junaj agantoj, volantoj, ja vi
Portantoj d' Estonto, vi estas.

*P. K.*

# T. A. G. E.-Semajno en Esperanto Domo (Arnhem)

## Provizora programo

*25 Julio:* Alveno. Akcepto de la Arnhemaj Esperantistoj. Interkonatiĝa vespero.

*26 Julio:* Vizitado de la ĉirkaŭaĵoj de Arnhem. Prelego kun lumbildoj de nia redaktoro, k-o Boltjes, pri la senakvigado de la Suda Maro (Zuiderzee).

*27 Julio:* Promeno al la Rejno ĉe Arnhem. Vizito al sub-ĉiela lernejo. Vespere TAGE-kunveno kun festprogramo post la 10-a.

*28 Julio:* Tuttaga aŭtobus-ekskurso al la digo en la Suda Maro.

# *Ion el la praktiko ... kaj iom pli*

La instruado en vilaĝa lernejo estas malfacila tasko pro ... nu, diversaj aferoj, ĉu ne?

Mi ne intencas pritrakti tiujn aferojn!

Nur mi volas rakonti pri unu el miaj lastaj spertoj.

La kamparanoj ĝenerale estas bonaj homoj. Tre bonaj.

Ili havas bonajn, sentemajn korojn.

Ili estas humilaj, ne »tro« ĝentilaj.

Ili ne estas elegantaj.

Ĉu ili estas malelegantaj?

Ĉu kun malfacila komprenkapablo?

Ĉu obstinaj?

Ĉu tro liberinklinaj?

Ĉu ili emas preni rajton por si mem, kaj malemas fari la ĝeneralajn devojn?

Ĉu ili rigardas siajn dometojn tiel piaj, ke oni ne rajtas tuŝi tiujn?

Aŭdu, mi petas!

Aŭskultu unu el miaj lastaj spertoj!

Eleganta, ĝentila, energia, brava aŭ fervora persono certe ne kutimas iri kun la manoj en la pantalonpoŝoj.

La ĉi tieaj knaboj kutimas tion!

Ili do aspektas malelegantaj, mal ..., mal ..., ktp.

Ili devas aspekti pli bonaj!

*29 Julio:* Promenado kaj malgranda ekskurso. Prelego.

*30 Julio:* Vaporŝipa ekskurso sur la Rejno. Prelego. Vespere vizito al »Royal«, luksa kafejo.

*31 Julio:* Vizito al la urbdomo kaj granda magazeno. Posttagmeze vizito al subĉiela muzeo kaj (aŭ) zoologia ĝardeno. Vespere amuza vespero kun festprogramo.

*1 Aŭgusto:* Komuna plorado!!!

La partopreno al la TAGE-kongreseto estas por TAGE-anoj 1.50 ned. guldenoj (por ne-anoj 4 ned. guldenoj).

Partopreno al la diversaj ekskursoj estos libervola. Entute la kostoj por tiuj estos proks. 7.50 ned. guldenoj.

La restadkostoj en la Esperanto Domo estas por plena pensiono 1 pers. ĉambro 3.50 gld. tage, 2—4 pers. ĉambro 3.— gld. tage, 5—pli pers. ĉambro 2.50 gld. tage. Estas nur malmultaj unulitaj ĉambroj kaj la plimulto estas 2—4 personaj, sed ĉiu lito estas apartigata per kurtenoj.

La laborkomitato instigas la partoprenontojn sendi plej baldaŭ sian aliĝon, sendante samtempe la partopren-kostojn (1.50 aŭ 4.— gld.). al s-ro Korte, Veendam (Nederlando) poŝtĉekkonto: 90.544.

Venu grandnombre kaj instigu viajn kolegojn partopreni!

---

Ĉar vere ili ne estas tiel mal..., mal..., ktp.

Do mi jam delonge klopodis diversmaniere konvinki la knabojn, ke »manoj el la poŝoj« donas pli bonan sintenadon kaj pli viglan iradon.

Sed ŝajnis, ke ĉiujn miajn vortojn mi direktis al surduloreloj.

Aŭ, ke ĉiuj miaj vortoj eniris unu orelon kaj eliris tuj la alian. Nur kelkaj knaboj komprenis la signifon de miaj amikaj lecionoj kaj konsiloj, kaj faris sian eblon por kutimi al la de mi dezirata sintenado.

Sed la plejmulto?! Mi kredas, ke ili opiniis: »Manoj en la poŝoj estas la signo de matura viro!«

Knaboj volonte similas plenkreskajn virojn, ĉu ne?

Kara legant(in)o, ne pensu, mi petas, ke mi, kiel plenkreskulo, tenadas la manojn en la poŝoj! Mi vere ne tenas tiujn en ili!

Sed preskaŭ ĉiuj plenkreskaj viroj en la vilaĝo estas nelaborante »man' en poŝ'«-uloj.

Do — por kiel eble plej baldaŭ solvi la malfacilan, sed tre utilan kaj bonedukan problemon, mi ordonis: »Venu lernejon kun manoj el la poŝoj!«

Nun atentu bone!

Pardonu, ne miskomprenu min.

Certe, mi tre ŝatas vian bonan atenton.

Sed mi scias, ke vi bone atentas.

Do, ankoraŭ foje, pardonu al mi, se mi kaŭzis miskomprenon!

Tiujn tri vortojn mi direktis al mi mem post la ĝenerala ordono.

Nun atentu bone! Precipe en la unuaj tagoj! Tio estas pedagogia postulo, ĉu ne?

# Al la Esperanto-Instruistoj

La Eduka Komitato de la Brita Esperantista Asocio nuntempe esploras la scion kiun la gejunuloj en lernejoj (ĝis la aĝo 18) havas pri alilanduloj, per Esperanto.

Por fari tion, ni kolektas mallongajn eseojn verkitajn en la nacia lingvo, tute libere, de la gelernantoj.

La titolo de la eseo estas: Mia Esperantista Korespondanto.

Ni jam ricevis tiajn verketojn el kvar anglaj lernejoj en kiuj oni instruas Esperanton dum sufiĉe longa tempo, sed ni volas plilarĝigi la amplekson de la enketo, kaj finfine eldoni folieton pri la efiko de Esperanto por korespondado en la lernejoj.

Ne estas necese ke la lingvo estu oficiale instruata en la lernejo mem, sed ni preferas havi la eseojn el iu lerneja grupo aŭ klaso.

Se vi bonvole volas helpi nin, mi petas ke vi informu min tuj: (1) Se vi povas sendi tiajn verketojn (2) je kioma dato antaŭ la 1-a de Julio 1935, vi povos ilin sendi.

La instruisto devas skribi sur ĉiu eseo:

1. Aĝo de la lernanto.
2. Nomo kaj tipo de la lernejo kiun li (ŝi) ĉeestas.
3. Kiam la lernanto komencis la korespondadon.

---

Mi do bone atentis.

Mi severe atentis.

Multaj simple forgesis, ne atentis la ordonon pro la enrustinta malbona kutimo.

Multajn mi avertis!

Poste kelkajn mi riproĉis!

Fine unujn mi punis!

Ne tre severe! Sed mi punis!

Ĉio helpis por la bona solvo!

Mi sukcesis! Preskaŭ!!! Nur unu knabo obstinis en la »man' en poŝ'«-afero!

Iun matenon, kiam li denove demonstracie alvenis kun la manoj en la poŝoj, mi donis al li ĝis la naŭa (la komenca lerneja horo) puntaskon. Li faris tiun taskon, kvankam iom obstine.

La instruadon en la matenaj horoj li partoprenis kiel ordinare.

Ĝis... la ripoza kvaronhoro.

Mi, kiel kutime, lasis la gelernantojn liberaj.

La obstinulo forkuris!

Baldaŭ kun la manoj en la poŝoj!

Mi lasis lin, ĉar... mi tuj komprenis!

La patro certe ordonis tion al li!

Ankaŭ mi tiam antaŭsentis, ke mi povas atendi »agrablan« viziton.

Mi nur esperis, ke la vizito ne venos al mi en la instruaj horoj.

Ĉar tiam mi devis rifuzi la viziton, kaj peti la patron denove veni je pli oportuna horo. Sed... granda ŝanco por skandalo!

4. Ĉu la lernanto lernas Esperanton en la lernejo mem, aŭ aliloke.
5. Dum kiom da tempo li (ŝi) studas la lingvon.

Necesas ankaŭ sendi Esperantan tradukon de ĉiu eseo.

Via samideane:

VIOLET C. NIXON (F-ino)
Hon. Sekretario de la Komitato,
183 Woodlands Park Road,
Bournville, Birmingham, Anglujo

## Parta respondo,

**kiun mi trovis hazarde en nederlanda ĵurnalo** (Prov. Gron. Crt.) **(La aŭtoro de la artikolo estas Dro P. Dykema), sekvas ĉi tie:**

*Internaciismo.*

Oni pensus ke post la ĉiam kreskanta trafiko, sekve de multaj geedziĝoj inter diverslandanoj, per la granda vojaĝemo, la interkompreno inter personoj el diversaj landoj pliboniĝus, ankaŭ inter infanoj. Ĉu tio estas fakto?

En Genevo, la tiel internacia kaj demokrata urbo, mi petis informojn ĉe la lernejanaro. Mi elektis lernejon en laborista kvartalo. Al 40

Do, mi forte esperis, ke la vizito estos prokastata ĝis... nu, prefere post la fino de la taga instruado.

La patro ne venis inter la 11-a kaj la 12-a. Ankaŭ ne en la libera tempo inter 12-a kaj la 13-a kaj duono.

Tio tre konvenis al mi, ĉar en ĉi tiu tiel nomita »libera unu kaj duono horo«, mi absolute ne estas libera. Kelkaj infanoj ne povas iri hejmen pro la tro granda distanco. Ili do manĝas siajn buterpanojn en la lernejo, kaj poste, aŭ ludas sur la lerneja ludejo, aŭ kviete babilas aŭ laboras en la lerneja ĉambro. Mi do estas vere okupita pro la kontrolo.

Infanoj, kiuj loĝas en la proksimo de la lernejo, tuj post la manĝo revenas, ŝatante ludi kun kamaradoj aŭ kamaradinoj. Kaj tre baldaŭ mi devas esti tute preta, do... »rapide manĝu, instruisto, kaj poste tuj denove al via »laborejo«.

Do, feliĉe ankaŭ en tiu »libera tempo« ne venis la patro.

En la posttagmezaj instruaj horoj nek la patro... nek la knabo!

La lerneja tago finiĝis.

Hejme, trinkante teon, mi ripoze sidis kaj babilis kun mia edzino. »Patro, nun ne venu! Lasu al mi la kvietan ripozon!« mi certe ne nur pensis, sed ankaŭ diris al mia kara zorgantino, ĉar ŝi respondis: »Estu trankvila, mia kara! Li atendas la malluman vesperon.«

Ŝi ankaŭ en tio pravis, kiel en ĉio.

Post la intima tetrinkado mi komencis korekti la skribajn taskojn faritajn de la gelernantoj. Fariĝis intertempe mallume. Mi lumigis la ĉambron per la elektra lampo, kaj daŭrigis la »agrablan« laboron, kiu ĉiutage postulas de mi du-tri horojn.

# La strathundo*

Obeemaj polichundoj montris la rezultatojn de sia dresado al la policestro kaj aliaj aŭtoritatuloj.

Sur la tereno, kiu zorge estis apartigita, por permesi al la ĉeestantoj senĝenan rigardadon, ankaŭ troviĝis, inter la publiko, ordinara, nepolica hundo. Ĝiaj haroj estis iom hirtaj kaj grizaj pro malpureco; malbela, malzorgita, vulgara strathundo ĝi nur estis.

La publiko rigardis plenatente kaj ankaŭ la strathundo observis, kiel ĝiaj dresitaj samspeculoj vekis ĉies miron. Sed tio ĝin tute ne mirigis!

Unue ĝi vidis kiel la polichundoj estis pelataj de sia mastro laŭ postsignoj por flarserĉi kaŝitan objekton je distanco de cent metroj. Sed kiam la hundoj transkuris la terenon kun multe da movbruo kaj flaris ĉiudirekte, ne povante trovi sufiĉe rapide la lokon, kie oni kaŝis eluzitan ŝuon, — tiam ŝajnis kvazaŭ tiu malpura hundaĉo preskaŭ ne povus regi sian indignon pro la superflua laboro de la hundoj, serĉantaj la kaŝitaĵon.

Neniu atentis la aĉan vagabondon.

1) El la nederl. lingvo: »Flip en zijn speurhond«, de Jan Feith. Tradukis: P. Korte.

Sed kiam la nebrosita, nelavita, maldelikata besto, trankvile kaj senzorge antaŭenkuris, kelkaj el la rigardantoj atentigis unu la alian pri ĝia nedeca ĉeesto.

Oni ekfajfis kaj sisis (2) al la aroganta entrudanto; oni ĵetis ŝtonetojn al ĝi; oni klopodis forpeli ĝin de la tereno per gestoj kaj vokoj.

La needukita hundo tute malatentis ĉion.

Ĝi paŝetadis senskrupule antaŭen; ĝi kuretis rekte al la loko, pri kiu ĉiuj sciis ke la ŝuo troviĝis.

La ankoraŭ ĉiam nerve serĉantaj polichundoj nun rimarkis la fremdan kolegon; kolere ili ekbojis kontraŭ ĝi. Sed la strathundo skue starigis sian hirtan hararon kaj kiam la edukitaj polichundoj iom troe proksimiĝis, ĝi ekmontris nur kolere sian dentaron kun fortaj, blankaj mordiloj.

Unu el la polichundoj kuris fulmrapide al la transa flanko de la kampo; alia el ĉiuj dresitaj hundoj interpiedigis sian voston kaj forŝteliris; ankoraŭ alia staris nerve bojante je distanco de dekduo da metroj.

La strathundo atentis nek la unuan nek la alian. Ĝi tute malatentis ĉiujn polichundojn. Ĝi promene iris al la terenangulo, kie la ŝuo estis kaŝita.

Tie ĝi haltis.

Ĝi flaretis tuj super la tero, kaj ekzamenis kun pli da zorgo la freŝe fositan grundon. Tiam ĝi rektigis

2) sonimito.

antaŭen sian krudan, grizan hundonazon, kurbigis sin kaj komencis forfosi la teron. Ĝi laboris lerte kaj rapide. La molan teron ĝi ĵetis malantaŭen, sub sin nem laŭ la ventro inter la postaj kruroj, tiel ke ŝajnis je distanco kvazaŭ fontano ŝprucas. Sian kapon ĝi talpe boris antaŭen en la ĉiam pliprofundiĝanta truo. Ĝisorele, ĝis la kolo ĝi malaperis sub la tero.

Sed tiam ĝi evidente trafis. Oni vidis la hundon, tiranta kaj skuanta plenforte. Siajn malantaŭajn piedojn ĝi reziste starigis sur la rando de la kavo; siajn antaŭajn piedojn ĝi firme fiksis en la tero por uzi ĉiajn fortojn, kaj per sia tuta forta hundokorpo ĝi tiregis al la ankoraŭ parte kaŝita ŝuo.

La policestro malbonhumoriĝis, precipe ĉar lia publika spektaklo povis malsukcesi. Li kolere kriis al kelkaj policanoj: »Tuj forigu tiun hundon de la tereno!«

La policanoj ne hezitis plenumi la ordonon.

La hundo, finfine post multaj penadoj sukcese eligis la ŝuon kaj firme tenis sian kaptaĵon en la buŝo.

»Lasu!« ordonis la unua policano.

»Donu al mi!« komandis la alia.

Sed la hundo tute ne intencis obei, nek al la unua, nek al la dua. Ĝi rigardis de sub siaj hirtaj haroj al la du uniformitaj viroj, kiuj alpaŝis al ĝi. Ĝi rigardis tiel malafable, ke la du policanoj, ambaŭ, pripensis kiumaniere ili povos pliefikigi la gravecon de sia ordono.

Ili kriis fore: »Kiŝt, Kiŝt!« kaj antaŭen moviĝis ankoraŭ unu paŝon. Sed la hundo starigis siajn nekombitajn, krudajn harojn kaj montris siajn dentojn.

La policanoj ne plu proksimiĝis.

»Fibesto ĝi estas!« avertis la unua.

»Ĝi certe mordos!« kriis la alia.

Tiam ili sammomente prenis siajn bastonojn por perforte devigi la hundon transdoni la ŝuon kaj forlasi la terenon. La hundo tamen ne atendis ĝis kiam la viroj ĝin tuŝos per la malmolaj bastonoj. Ĝi salte stariĝis, ĉiam portante la ŝuon inter la dentoj. Kaj tute ignorante kion la policanoj plue intencos, ĝi forkuregis.

Kion ĝi faros kun la ŝuo?

La hundo evidente mem ne sciis tion kaj, kiel ludema hundo ĉiam faras, ĝi gaje skuis la ŝuon kaj kuregis ien kaj tien per malsaĝaj, ridindaj saltoj trans la malplena kampo. La homoj, kiuj bordere staris ĉe la tereno, ĝojis pri tio.

»Ĉi tien!« kriis la du policanoj, dum kiam ili galope persekutis la beston. Nun oni vidis ke la hundo kuretis al la mezo de la tereno, kie prete staris pajloviro, vestita kiel vagabondo, kun grimaca maskovizaĝo, kaj aĉaj, malpuraj, ĉifonaj vestaĵoj.

Kion nun faros la hundo?

Oni vidis ke ĝi faligis la ŝuon. Poste ĝi strabis al la birdtimigilo kaj facilmove ĝi saltis al la gorĝo de tiu ekipita pupo, dispecigis per grandaj mordoj la

vestaĉojn de la skeleto, ŝiris la ĉifonan pantalonon de la pajlo-ŝtopitaj kruroj kaj ruinigis la tuton tiel radikale en malpli da tempo ol mi bezonas por rakonti tion, ke la pupo perdis ĉiajn kovrilojn kaj la kapo pendis surbruste; la brakoj kaj kruroj malenergie svingiĝis suben.

Se tiu ulaĉo estus viva krimulo, — tiam kompatu la viron, tiel traktus lin la bubaĉa hundo.

Tiel rapide disvolvis sin la historio, ke la du spiregantaj policanoj ankoraŭ ne atingis la lokon, kie la hundo komplete neniigis la kompatindan birdtimigilon. Sed kiam ili tro proksimiĝis, la besto kaptis subite la malnovan ŝuon, kiun ĝi evidente ne volis cedi, kaj forsavis sin de la policistoj per kelkaj rapidaj saltoj.

La ĉeestantoj aplaŭdis vole-nevole la trokuraĝan hundon.

Kion pli la hundo faros?

La hundo certe ĉirkaŭrigardis, ĉu ĝi ne plu povos trovi alian bubaĵon.

Jen ĝi rimarkis la altan tabulbarilon, kie baldaŭ la dresitaj polichundoj montros sian lertecon pri grimpado trans barikadoj. La nedresita strathundo saltetis gaje tien. Ĝi momenton haltis antaŭ la altaĵo, svingante sian mallongan voston. Tiam, post fervora alkuro, ĝi saltis supren laŭ la barilaj tabuloj, apoge sin helpante per siaj kvar piedoj en la fendoj inter la tabuloj.

Tiel ĝi lerte alteniĝis ĝissupre. Ĝi atendis mo-

menton, bojis arogantan fortan blekon al la policanoj, kiuj persekutis ĝin kaj saltis teren ĉe la alia flanko de la tabularo.

La viroj ĝuste momenton malfruis por trafi ĝin per siaj bastonoj. Ĉu ili daŭrigos la persekutadon? Sed tio jam ŝajnis ne plu necesa. Ĉar la hundo evidente tute ne pensis pri forkuro.

Ĝi ĉiam portis la ŝuon inter la dentoj kaj trankvile paŝis al la grupo da aŭtoritatuloj, kiuj ĉe la flanko de la tereno indigne observis kiel tia nedresita strathundo fuŝis tute la publikan prezentadon de la polichundoj.

La hundo vostsvinge kuris al la severaspekta policestro kaj metis la ŝuon antaŭ ties piedojn. Kolera la estro turnis sin al la du subuloj, kiuj ĵus spiregante kaj blovante, stumble alvenis: »Kaptu tiun hundon firme!«

La policanoj obeis tujege. La hundo ne plu grumblis; la besto ne plu montris siajn dentojn: ĝi ne plu starigis sian hararon kiel antaŭe. Do la du policanoj klinis sin, manmovis sammomente kaj firme prenis la hundon.

Tuj antaŭ la policestro ili staris kaj salutis per la libera mano al la rando de siaj kaskoj; tiel ili atendis, kion ordonos la severa ĉefo pri la sorto, destinita por la kaptita hundo. Ne ekzistis dubo ĉu la policestro diros sian plej severan verdikton. La hundo ja certe kul-

pegis. Ĝi suriris la terenon, apartigitan de la polico, . . ĝi malatentis la admonon de la policanoj tuj redoni la trovitan ŝuon, . . . . ĝi rifuzis arestiĝi sin, tiel ke la policistoj senspire devis persekuti ĝin, . . . ĝi disŝiris la ŝtopitan pajlo-pupon tiel ke post tio nur restis kelkaj pajleroj kaj ĉifonoj, . . . ĝi tre malrespekte grimpis trans la barilon, kiu apartenis nun al la polichundoj kaj faris tion, kvazaŭ tio tute ne penindus, ... kaj finfine kompletigis sian pekaron: ĝi impertinente metis la ŝuaĉon antaŭ la piedojn de la policestro.

Nu, la severa ĉefo sulkigis siajn brovojn kaj ordonis akrevoĉe: »Malaperu kun tiu aĉulo!«

Ĉi tiu ordono fakte egalis mortoverdikton por la hundo. La policanoj sciis, kia estas la signifo: ĝi estas forkondukota al la policejo por esti mortigata kune kun kelkaj aliaj mizeraj stratanoj. Liginte fortikan ŝnuron ĉirkaŭ la kolon de la hundo, la du policanoj forlasis la terenon, inter si la hundon kiel krimulon. Kaj tiel, la iom stranga kaj mallonga rolo de ĉi tiu strathundo finiĝus, se ne Filipo, la filo de la policestro, estus savinta la beston.

Tiuj du poste fariĝis fidelaj amikoj.

## Ankoraŭ pri Tejl Uilenspiegel

Ke Tejl faris siajn petolaĵojn ankaŭ en Belgujo pruvas la sekvanta historio:

Ĉar Tejl vidis ke li povas havi gajan vivon, ŝajni-

gante sin scienculo, li iris al Loveno (Leuven, Louvain), kie estas fama universitato.

Post sia alveno en la urboj li ĉie anoncigis, ke li instruos al azeno legi kaj inteligente paroli, se oni nur volas pagi lin konvene.

La sepdekjara rektoro de la universitato, kiu aŭdis paroli pri la granda spriteco de nia Tejl, akceptis la proponon. Li donis cent guldenojn por la kostoj kaj liveris azenon.

La fripono metis la azenon en stalon kaj kaŝis inter la folioj de malnova libro kelkajn grajnojn da bona aveno. La besto flaris la avenon, turnis la foliojn kaj lerte forlekis la grajnojn.

Ĉiujn tagojn Tejl faris la saman eksperimenton, tiel ke baldaŭ la azeno povis turni la foliojn.

Post kelka tempo la rektoro venis por vidi ĉu la besto jam faris iajn progresojn.

»Certe, via moŝto,« diris nia trompetisto, »li komencas lerni la vokalojn: *i* kaj *a* li jam bone prononcas.« Tiam Tejl metis la malnovan libron antaŭ la azeno. La besto diligente turnis la foliojn: ĝi ja serĉis la avenon. La rektoro mire rigardis ĉion, kion la besto faris. Mallongan tempon poste la maljunulo mortis. Kompreneble Tejl jam antaŭe supozis, ke post dek jaroj aŭ la azeno aŭ la rektoro estos morta.

infanoj mi demandis individue: »Rakontu, kion vi scias pri la francoj.« (Poste: pri la germanoj.) Kolego notis miajn demandojn kaj la respondojn de la infanoj.

Unue pri la francoj. Ni esperis noti kelkajn personajn spertojn. Duonhora promeno ja kondukas la Genevanon en Francujon. Sed tute ne. Kelkaj respondoj sekvu:

*Jacques S.* (9½-jara): La francoj nun ne plu estas malbonaj homoj. Ili nun faris pacon. Sed antaŭe ili estis malbonaj. Kiam Napoleono vivis ili militadis.

*Jean D.* (11 jara): Se franco ion faras, li nur duone faras ĝin. La alian tempon li faras plezuron.

*Bern.* B. (11-jara): La francoj malbone prizorgas sian landon. Ili diras, ke jam sufiĉas. Estas kelkaj, kiuj laboras, sed la germanoj kaj svisoj ilin certe superas.

*Roger S.* (11-jara). Se la francoj inventas maŝinon, la germanoj plibonigas ĝin. Sed la franco ĝin inventis. Li malkovris la sekreton.

Kaj nun pri la germanoj.

La spertoj, akiritaj dum la konversacio pri la francoj, kaŭzis, ke ni ne estis optimismaj. Kaj efektive: la germanoj estas por ili, kio estas la negroj kaj la ĉinoj. Estas nur ĉi-tiu diferenco: la infanoj pli ol dekjaraj montras pli da objektiveco pri tiuj malproksimaj rasoj.

---

Subite... bruado de lignoŝuoj... kaj forta, nerva, kolera sonorigado!

Mi rapidis al la pordo, ĉar mi timis la difektadon de mia belsona, fortika sonorilo.

Gustatempe mi malfermis la pordon!

Tie staris la patro kaj la filo, ambaŭ kun la manoj profunde en la poŝoj!

Kaj kun vizaĝesprimoj! Terure!!

Tuj kolerege la patro elĵetis kelkajn »ĝentilajn« vortojn pri mia persono.

Vi certe komprenas, ĉu ne?

Do absolute ne necesas ripeti ilin!

Mi hontus, se tiaj vortoj elfluus mian plumon!

Kviete mi petis la patron eniri, por ke ni pli komforte interparolu. La knabo tiam povis atendi en alia ĉambro.

La »ĝentila« viro obstine ne volis.

Ni do daŭrigis ĉe la pordo.

Li pli kaj pli furiozis!

La manoj restis ĉiam demonstracie profunde en la pantalonaj poŝoj.

Ankaŭ ĉe la knabo, kiu indiferente apogis sin kontraŭ la muro.

Laŭ la patro li neniam bezonis por mi preni la manojn el la poŝoj!

Mi penis kvietigi lin, kaj konvinki lin pri lia malbona konduto kiel patron kontraŭ filo.

Fine mi, post multaj argumentaj vortoj, iomete sukcesis.

La patro videble kvietiĝis, kaj diris: »Nu, se mia filo volas, bone! Sed mi ne ordonos tion al li! Kaj mi ne plu venos al vi!«

La granda milito, kiu jam finiĝis antaŭ ilia naskiĝo, faris grandan impreson. Tuj kiam ni parolis pri la germanoj, 18 el 40 infanoj spontanee ekparolis pri la milito.

*Yova S.* (11½-jara): Ili uzas artifikojn. Ili ĵetas ekzemple porsardenajn ladskatolojn en la tranĉeojn de la aliaj kaj ĉi-tiuj enhavis venengason.

*Roger P.* (11-jara): Nun ili estas sufiĉe bonaj, sed en la milito ili estis malnoblaj. Ili ligis francon al arboj, kaj la oficiroj fortranĉis lian nazon.

*Roger S.* (11-jara): La germanoj estas ĵaluzaj. Ili ne volas pagi, sed tamen ili devis redoni Alzacon kaj Lotaringon. Mi ne ŝatas ilin. Mia patro diras, ke oni nepre abomenu ilin.

Kelkaj infanoj uzis komparon por pli bone esprimi siajn pensojn.

*Ami C.* (11-jara): Se mi devas aĉeti ion, mi prefere faras tion ĉe franco. Mi pli bone fidas lin.

*Bernard B.* (11-jara): La germanoj estas pli brutaj kaj gajnas pli per sia laboro. Ekzemple: La kanalo inter Rejno kaj Rhône. La germanoj uzas ĝin kaj la francoj pensas: ĝi ja ne valoras la penon.

Por la psikologo ĉi-tiuj respondoj estas tre interesaj.

Ili klare pruvas:

---

Poste ili ambaŭ foriris kun la manoj profundege en la poŝoj.

»Ankoraŭ unu paŝo, kaj vi estos bona patro,« mi diris. »Bonan vesperon, vi ambaŭ!«

Laŭ ili tamen mi ne bezonis bonan vesperon.

Mi fermis la pordon, pensante: »Bone, ke ili ne venis en la lernejaj horoj!«, eniris la ĉambron kaj penis daŭrigi mian korektadon. Sed tio tre malbone prosperis, ĉar miaj pensoj estis ĉiam ĉe tiu malagrabla afero.

Kiamaniere bone solvi ĝin?

Mi sciis, ke la patro estas bona homo.

Neniam antaŭe mi spertis ion tian de li.

Kio estas la kaŭzo de ĉi tiu obstina kontraŭstaro?

Mi cerbumis, cerbumis, sed vere ne povis kompreni!

Certe por mi estis: »Mi devas klopodi al paciga solvo! Ne la juĝisto!«

Sed kiel? Kiel?

Ankaŭ dumnokte en la lito mi pensis, pensis, pensis!

Kaj tre malmulte dormis! . . .

Venis la sekvanta mateno.

La knabo jam frue alvenis lernejon.

Mi ankoraŭ ne estis tute preta.

Li eniris la lernejon.

Momenton poste li eliris kaj ekstaris kontraŭ la muro.

La manojn li tenis ĉiam en la poŝoj.

Mi estis preta kaj eliris mian domon.

Li staris ĉe la ekstrema parto de la lernejo.

Kiam mi kelkajn minutojn estis en la lerneja ĉambro, li malfermis

1. la grandan impreseblecon de la infano,

2. la grandan verbalismon en lia juĝo, li donas vortojn, nur vortojn, eĉ kiam persona sperto estas ebla,

3. la penseraron de senpripensa ĝeneraligo: A kaj B. faras malnoblaĵojn; A kaj B estas germanoj; do la germanoj faras malnoblaĵojn.

---

# El la administrejo

*Nederlando*. Mi petas al niaj nederlandaj anoj pagi al la adreso de la estraro de la nederlanda sekcio. Ne plu rekte al mi. Sed ne prokrastu!

*Norvegujo*. Multfoje kaj diversmaniere mi provis ekkontakti kun nia tiea agento: S-ro Nils Okland, Rommesveit, Stord. Ĝis nun, depost 1933, vane. Li eĉ ne pagis ian kotizon. Nun mi trastrekis lian nomon, kaj petas alian norvegan koleg(in)on, preni sur sin la taskon pri agenteco. Mi petas vian anoncon!

*Pri geografia instruo*. El Svedujo oni demandas al mi ĉu ne estas eble liveri la bildojn en speciala ujo, ne librigite, sed aparte. Tiam en bildoj estos pli bone uzeblaj en projekciaparato. Se ni tamen devas aldoni esperantan tekston, tiam la prezo restos sama; de 2 ĝis 3 sv. fr.

Kion niaj anoj pensas pri tio?

---

la pordon kaj senvorte eniris.

Mi diris: »Post nepetita foriro devas sekvi peto por eniro. Ĉu vi komprenas?«

Li diris nenion kaj eliris la ĉambron.

Ĉar li post kelka tempo ne revenis, mi iris eksteren.

Tie li staris kontraŭ la muro.

Mi preterpasis lin.

Li diris nenion.

Mi denove preterpasis lin, kaj kiam li ankaŭ tiam nenion diris, mi haltis kaj demandis lin:

»Ĉu vi ne scias, kion vi devas fari?«

»Ne!«

»Vi devas peti al mi, ĉu mi volas doni al vi la permeson eniri la lernejon. Ĉu vi nun komprenas?«

»Ne!!«

»Ĉu vi ne volas peti tion?«

»Ne!!!«

»Foriru! Tuj!«

Kaj li kun indiferentaj, iomete koleraj movoj iris for.

Nova zorgo! La kulpo de la patro? Plej certe! La akra sekvo de la kontraŭstaro! Ĉar la knabon mi kompreneble konas bone kun ĉiuj liaj bonaĵoj kaj malbonaĵoj. Li estas unu el miaj »malgrandaj amikoj«.

Ho, kia malagrablaĵo!

Mi skribis leteron al la patro, kaj urĝe petis baldaŭan respondon.

En la posttagmezo li venis.

SVEDA INSTRUISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Prez.: s-ro **Thorsten Torbjär,** Mariagatan 15a, tel. 46155, **Göteborg.**
Sekr.: f-ino **Karin Hallengren,** Nytäppet, **Nya Varvet.**
Kas.: s-ro **Oskar Svantesson,** Mariagatan 9a, tel. 49343, **Göteborg.**
Sveda poŝtĝira konto de la federacio: 31430.

# Svedujo

## Studoj pri la historio de fiŝoj.

## Strangaj specimencoj abunde venas al Sveda Muzeo

(Sved-Internacia Gazetservo)

La Sveda Naturhistoria Muzeo atendas laborplenan jaron pro specimen-kolektoj, abunde venantaj de svedaj ekspedicioj, kiuj diligente esploras multajn angulojn de la mondo. Precipe la vertebrula sekcio pliriĉiĝos per tiuj multaj ekspedicioj kaj kolektoj.

Profesoro Rendahl ĉe la muzeo rakontis al Svenska Dagbladet, unu el la gvidantaj stokholmaj ĵurnaloj, pri la perspektivoj por la venonta jaro.

La plej fama el la personoj, kiuj supozeble kontribuos per specimenoj, estas Dro Sven Hedin, kiu ĵus finis sian grandan esploron pri motortrafikaj eblecoj en partoj de Ĉinujo. Fiŝojn, reptiliojn, batrakojn kaj birdojn oni atendas de juna sveda zoologo, kiel rezulto de lia laboro en Birma. Aliaj svedoj esploris la Yangtse-regionon en Ĉinujo por trovi specimenojn. Pli da orienta materialo venos de alia sveda ekspedicio, kiu estas

---

Kaj li tiam aspektis, kiel mi lin jam delonge konis.

Li volonte volis eniri en mian ĉambron, kaj mi tuj rimarkis, ke li tre hontis pro sia konduto.

Ni serioztone interparolis, pritraktis delikate la okazintaĵojn kaj plene interkonsentis.

Kun la knabo venis ĉio poste facile en bona ordo. Kompreneble mi devis lin iom puni, tion postulas la juĝsento, sed li tuj rericevis de mi post sia humila peto ĉiujn favorojn, kiujn li ĝis nun ĝuis.

Karaj gelegantoj, gekolegoj, ne la simpla instruado, kvankam ĝi ankaŭ havas multajn problemojn, estas la malfacilaĵo de nia profesio. Nur instrui ni ankoraŭ povas, kiam ni estos 65-jaraj. Sed la morala edukado postulas tiom multe de niaj nervoj, ke ni kun timo antaŭvidas la jarojn, en kiuj ni ne plu povas, kion ni scias kiel nian ĉefan taskon. Tial pension plenan, almenaŭ kiam ni estas 60-jaraj, sed prefere je la 55-jara aĝo!

Por eduki infanojn, ni devas esti tute freŝaj, ni devas havi fortajn, specialajn kapablojn, ni devas povi trapenetri en la infanan spiriton, ni devas esti viglaj homoj kun multe da pacienco. Kaj ... ni devas subtile prizorgi kaj konservi la rilatojn kun la gepatroj!

Tio ĉio vere estas tro multe por altaĝa persono.

*T. Halma Oranjedorp,* Nederlando.

en Hindo-Ĉinujo. Iu plezurvojaĝanta svedo ne forgesis la hejmajn zoologojn, ĉar li sciigis, ke li sendos vazegon kun ĉirkaŭ cent dolĉakvaj fiŝoj.

Ankaŭ aliaj partoj de la mondo kontribuas. Sveda ekspedicio alportos materialon de la Galapagos-insuloj; svedo loĝanta en Abisenujo sendos specimenojn de tiu lando, kaj angla kolektanto en Okcidenta Afriko ankaŭ laboras por la sveda institucio.

---

## Sveda antikva Nobelpalaco kiel hejmo por malrapid-progresaj infanoj

(Sved-Internacia Gazetservo)

La historian svedan kastelon Sävstaholm, kiu troviĝas ne malproksime de Stokholmo kaj antaŭe estis hejmo de »la blinda ekscelenco«, konata kortegano kaj nobelo grafo Trolle Bonde, oni nun transformis en hejmon por malrapidprogresaj infanoj, kiujn oni prenis el la lernejoj, por ke ili lernu praktikajn metiojn, kiuj povos doni al ili vivtenon. La pompaj nobelaj haloj, senhomaj dum kelke da jaroj, estas nun vivigitaj de 53 infanoj, kiuj ricevas ĉiutagan ekzercadon de kompetentaj instruistoj. La granda biblioteko, kiu antaŭe entenis multajn maloftajn volumojn, estas transformita en lernejon, kaj la vintroĝardeno estas nun plena de teks-stabloj anstataŭ de palmoj kaj ekzotikaj plantoj. La kastelo, kiu havas 42 ĉambrojn, ĵus estis funde rekonstruata. La pompajn murspegulojn kaj la faman kristalan lustron, akiritajn el reĝa palaco de najbara lando, oni lasis en iliaj lokoj.

La junaj gastoj de la kastelo kondutas tre bone kaj zorge atentas, ke ili ne difektu la multekostajn apartenaĵojn de sia nova hejmo, diras fraŭlino Ruth Lindahl, la estrino de la lernejo. La lernejon establis sveda bonfara societo, por zorgado pri malrapidprogresaj infanoj.

Similmaniere oni utiligis aliajn nobelpalacojn en Svedujo. En kelkaj okazoj oni uzas ilin kiel dumtempajn hejmojn por junaj senlaboruloj, alii okaze oni transformis ilin en lokajn muzeojn aŭ instituciojn de diversaj specoj.

---

## Norda studsemajno

»Finna sekcio de Mondligo por popolklerigo« aranĝos en kunlaboro kun aliaj nordlandaj organizoj samcelantaj dum la tagoj 7—15 de julio 1935 studsemajnon el Grankulla apud Helsinki, Finnlando. La nedifinitiva programo ampleksas tri ĉefpartojn: du seriojn de prelegoj: »Demokratio kaj laboro por popolklerigo« kaj »La Nordo en Eŭropo«, kaj unu dutagan konferencon, dum kiu oni pritraktos la temon »Nordana kunlaboro ĉe studoj de internaciaj problemoj«. Krom tio okazos ekskursoj.

# KOMUNIKOJ

ALVOKO.

Marista Ligo Esperantista, kiu celas disvastigon de Esperanto inter la maristoj kaj samprofesianoj, serĉas delegitojn por M. L. E. en la havenurboj, kie ni ankoraŭ ne estas reprezentataj.

La ĉefa tasko de la delegito estas; Viziti la diverslandajn ŝipojn kaj inter la maristoj disdonadi propagandilojn. La diverslingvajn propagandilojn ni sendas al la delegitoj.

Propagandado inter la maristoj estas de tre grava signifo por la tuta esperanta movado. Ĝis nun ni esperantistoj ne sufiĉe atentis tion. Post nur kelkmonata agadtempo M. L. E. konstatas grandan sukceson en sia laboro. Sed ne sufiĉas, ke ni havas reprezentantojn en unu aŭ alia havenurbo. Por ke ni efektive venku estas necese, ke ni havas delegitojn en ĉiu havenurbo, granda aŭ malgranda.

Ĉiu vera esperantisto komprenu la gravan signifon de propagandado inter la maristoj. Ĉiu samideano, lerta aŭ mallerta povas helpi nin en nia laboro. Se vi ne havas tempon por la delegita laboro vi tamen povas helpi kaj apogi nin per aliĝo al M. L. E. La kotizojn ni uzas en la propaganda servo.

La kotizoj estas; Pasiva membro, 1 svisa franko = 1.30 svedaj kronoj.

Aktiva membro 2 svisaj frankoj = 2.60 svedaj kronoj.

= 13.00 svedaj kronoj.

Subtenanta membro 10 svisaj frankoj

Grupo pagas minimume 2½ frankoj = 3.25 svedaj kronoj

Ni petas vin, sciigu pri la enhavo de nia alvoko al viaj samideanoj kaj instigu ilin aliĝi. Sendu jam hodiaŭ viajn aliĝon kaj kotizon al Marista Ligo Esperantista, Villa Skogbacka, KVICKSUND, SVEDUJO, Sekr. Holger Ekblad.

Sveda poŝtĝirokonto 90 226.

ALVOKO PRI KORESPONDADO.

Multaj membroj jam ricevis kune kun la lasta numero la 26-an korespondliston de IALA. Certe multaj membroj ĝojis pro la reveno de malnova konulo, kiu ĉiam akompanis IPR dum la lastaj jaroj.

Ni, la laborkomitato, esperas, ke en la estonto la tre ŝatataj listoj denove povos aperi kiel aldono al IPR.

Sed . . . pro tio estos necese, ke alvenu sufiĉa nombro da adresoj de korespondemuloj!!!

Kara kolegino! Kara kolego! Ĉu vi mem volos korespondi aŭ ĉu vi volos korespondigi viajn gelernantojn, sendu nomon kaj adreson, ktp. al F-ino Marta Moelke, Hünensteig 8-a, Berlin-Steglitz (Germanujo), kiu kiel antaŭe prizorgos la kolektadon de la adresoj.

Neniam forgesu, ke Esperanto estas kreita por la internacia interŝanĝo de ideoj! Ne prokrastu, sendu viajn adresojn! La perado estas tute senkosta.

Bonvolu uzi ĉi subajn skemojn:

A. por gekolegoj: 1. Nomo (antaŭkaj patronomo) 2. profesio (kiagrada lernejo); 3. aĝo; 4. loko (strato, urbo aŭ vilaĝo, provinco aŭ distrikto, lando ktp. regno); 5. deziras korespondi kun? 6. deziras korespondi pri? 7. Specialaj deziroj?

B. por gelernantoj: 1. Lando kaj loko de la lernejo; 2. speco de la lernejo (kiagrada); 3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondon; 4. Aĝo de la lernant(in)oj; 5. deziras korespondi kun? 6. deziras korespondi pri? 7. Nomo kaj adreso de la »peranto«, kiu aranĝas la korespondaferon. C. por aliaj personoj. (vidu sub A)

---

# *Tre grava*

Ĉiuj fidelaj anoj de TAGE estas urĝe petataj **tuj** pagi la kotizon por nuna jaro pere de la landa agento (ino) aŭ rekte al la administranto en Veendam. Nur post tiu pago la laborkomitato povos plani la programon por 1935.

Tiuj, kiuj ankoraŭ ŝuldas la kotizon al ni por 1934, pagu **tujege.**

La administranto de

***TAGE kaj IPR***

Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős